

BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO




95-a jaro
N-ro 323
Apr/Jun 2003
R$ 7,00

Abontarifo / Kategorio 1: Latinameriko, Afriko, Ĉinio, Bharato, Orienta Eŭropo - US$ 10,00 / Kategorio 2: Usono, Kanado, Japanio, Tajuano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo. - US$ 15,00

## Nesto

**Projekto celi ekspancii Esperanton tra la tuta Ameriko**

## Daŭras la ĉasado de novaj talentoj

**verku pri "La Paco" kaj konkuru al premioj**

## Intervjuo

**Aymoré Vaz Pinto parolas pri si kaj Esperanto movado**



# Andreo Cseh

## kaj la arto instrui Esperanton

# Pro tio, ke nuntempe la homoj bezonas pacon kaj konsolon, BEL donas ĝis 50% rabaton por bibliaj kaj religiaj libroj

SIMBOLOJ: libro · komentario · aŭtoro · nombroj da paĝoj · grando · rimarko

**LA DUAKANONAJ LIBROJ (VOL. I KAJ II)**
Bibliaj libroj tute oficialaj el katolika vidpunkto. Ilustritaj de Gustave Doré. Rimarko: du volumoj je la prezo de unu. Temas pri vere speciala rabato, ĉar la mondo bezonas pacon.
**Ordinara prezo: (vol. I kaj II) R$ 48,00 € 30,00**
**Prezo kun rabato: (vol. I kaj II) R$ 24,00 € 15,00**
Berveling · 263 (vol. 1) 261 (vol. 2) · 14 x 21 cm · Broŝuro

**NOMBROJ**
Biblia libro. Temas pri okazintaĵoj dum vojaĝado tra la dezerto ekspertitaj de Israelidoj cele al la Promesita Lando, kun notoj de Guerrit Berveling.
**Ordinara prezo: R$ 12,00 € 7,00**
**Prezo kun rabato: R$ 6,00 € 3,50**
Biblia · 105 · 14 x 21 cm · Broŝuro

**PURGATORIO**
"Trans la pordego de Purgatorio eltranĉiĝas el la montkonturo sep rondaj kornicoj, kie puriĝas la pentofarantoj. Sur la supro de la monto situas la Edeno, kie aperas Beatrice, la "damo ĝentila" de la *Vivo Nova*, transfigurita al simbolo de la teologio (aŭ de la graco). Post puriĝo en Leteo kaj Eŭnoo, Dante iĝas inda suprenflugi al la Paradizo". Enkonduko p. 17.
Bele ilustrita de Gustave Doré.
**Ordinara prezo: R$ 40,00 € 22,00**
**Prezo kun rabato: R$ 20,00 € 11,00**
D. Alighieri · 255 · 22 x 31 cm · Broŝuro

## Didaktikaj Libroj

**ENKONDUKO EN LA JAPANA**
Enkonduka lernolibro pri la japana lingvo kun la avantaĝo de la veturiga lingvo - Esperanto.
**Ordinara prezo: R$ 18,00 € 10,45**
**Prezo kun rabato: R$ 9,00 € 5,00**
Y. Sikô · 184 · 14 x 21 cm · Broŝuro

**AVIADA TERMINARO**
La libro, entenanta vortaron, ilustrita per platoj kaj kun baza aviada frazeologio, kaptis la intereson de multaj esperantistoj el la tuta mondo. "...ĝi konsistigas la plej firman bazon por enkonduko de E-o en flugmedioj. Dankegon, Gilbert, pro via kolosa laboro, kaj dankon, Fonto, pro via bela eldono".
*Johano, La Gazet-103, p. 23, Dec 2002, Creue, Francio.*
**Ordinara prezo: R$ 25,00 € 15,00**
**Prezo kun rabato: R$ 17,50 € 8,00**
Gilbert R. Ledon · 287 · 14 x 21 cm · Broŝuro

**LINGVA PLANADO KAJ LEKSIKOLOGIO**
12 kontribuaĵoj en Esperanto kaj 5 angle dum la II Simpozio de la Akademio de Esperanto okazinta en Zagreb 2001. Entute partoprenis lingvistikaj sciencistoj el 9 landoj nome: Hungario 3, Germanio 3, Usono 2, Ĉinio 2, Pollando 2, Serbio 1, Ukrainio 1, Brazilo 1 kaj Aŭstralio 1.
Jen ŝanco por profundigi viajn konojn pri Lingva planado kaj Leksikologio.
**Ordinara prezo: R$ 24,00 € 15,00**
**Prezo kun rabato: R$ 12,00 € 5,00**
Akademio de Esperanto · 286 · 14 x 21 cm · Broŝuro

# DENOVE

BRAZILA ESPERANTO-LIGO (BEL) MALGRANDIGAS PREZOJN:

RABATOJ ĜIS 66,66 %
kampanjo valida ĝis la 31-a/08/2003 se ne elĉerpiĝi ĝis tiam.

**Temas pri altkvalitaj kaj aŭdindaj kd-j sur kiuj estas la nomo de elstaraj artistoj, de famaj aŭtoroj kaj de eminentaj esperantistoj.**

SIMBOLOJ: produktis · kd · aŭtoro · tradukis · komentario · nombro da muzikoj · muzikoj

## KONTROLU ĈI SUBE:

**SIMBIOZO**
Brazila Esperanto-Ligo · Flávio Fonseca kaj Geraldo Mattos
12 Poezioj de Geraldo Mattos
Flávio Fonseca
**Ordinara prezo: R$ 20,00 € 10,50**
**Prezo kun rabato: R$ 10,00 € 4,00**

**NI DANCU EN LA RONDO**
Brazila Esperanto-Ligo
14 brazilaj porinfanaj kanzonoj
Kantas: Flávio Fonseca kaj Cristina Pancieri · Jorge Teles
**Ordinara prezo: R$ 18,00 € 8,00**
**Prezo kun rabato: R$ 6,00 € 2,50**

**VERDASTELAJ BRAZILAĴOJ**
Brazila Esperanto-Ligo
Apogo: Universala Esperanto-Asocio Kantas: Tarcísio Lima
13 kanzonoj
**Ordinara prezo: R$ 18,00 € 8,00**
**Prezo kun rabato: R$ 6,00 € 2,50**

**LA KORVO**
Brazila Esperanto-Ligo
Poemoj de Allan Poe, Guerra Junqueiro, Coelho Neto kaj Oscar Wilde · Flávio Fonseca
Leopoldo Knoedt
**Ordinara prezo: R$ 20,00 € 10,50**
**Prezo kun rabato: R$ 10,00 € 4,00**

**HO! MIA KOR'!**
Brazila Esperanto-Ligo · Bando Merlin · 10 kanzonoj, inter ili la poemo de Zamenhof "Ho! Mia kor'!", kiu donis la nomon al la KD.
**Ordinara prezo: R$ 18,00 € 8,00**
**Prezo kun rabato: R$ 6,00 € 2,50**

ŜANCO TIA NE OFTAS
KD-J MALKARIĜAS

| → TABELO POR SENDOKOSTO - KD | | |
|---|---|---|
| KVANTO | BRAZILO | EKSTERLANDO |
| 1 KD | R$ 3,70 | 3,75 |
| 2 KD | R$ 4,20 | 3,75 |
| 3 KD | R$ 4,95 | 3,75 |
| 4 - 7 KD | R$ 7,25 | 8,80 |
| 8 - 15 KD | R$ 8,95 | 10,92 |
| 16 - 24 KD | R$ 10,65 | 13,10 |
| 25 - 31 KD | R$ 12,35 | 15,22 |
| 32 - 39 KD | R$ 14,05 | 15,22 |
| 40 - 48 KD | R$ 15,75 | 20,72 |

**PLENIGU LA SUBAJN SLIPON KAJ SENDU ĜIN AL BEL**

Brazila Esperanto-Ligo
*Caixa Postal 03625*
*Brasília-DF, CEP 70084-970*
*Tel.: (61) 226-1298 - Fax: (61) 226-4446*
*bel@esperanto.org.br - http://www.esperanto.org.br*

## Mendilo

Nomo ______ ☐ viro ☐ virino
Adreso ______
______
______ Lando ______
Poŝtkodo ______ Tel ______
Retadreso ______
Dato ___ / ___ / ___ Subskribo ______

*BEL-anoj: Tiu kampanjo jam inkludas vian rabaton 10%*

| KVANTO | VAR-INDIKO | VAR-VALORO | PARTA SUMO |
|---|---|---|---|
| | | | |
| | | | |
| | | | |
| | | | |
| | | | |
| | SUMO | | |
| | → SENDOKOSTO POR KD ( VIDU TABELON ) | | |
| | SENDOKOSTO POR LIBROJ: ALDONO JE 15% (MINIMUME 6.00 / R$ 4,00) | | |
| | ENTUTE | | |

**Pagmanieroj:**
☐ *Depono en konton de BEL ĉe "Banco do Brasil", konto n-ro 402706-X, agentejo 0452-9 (ĉikaze bv. sendi al BEL kopion de la deponatesto)*
☐ *Kreditkarto VISA n-ro ____ - ____ - ____ - ____*
*limdato __ - __ Tri lastaj ciferoj de la dorsflanko de la karto ___*
☐ *Depono en nian UEA-konton "beli-r*
☐ *Depono en unu el la du jenajn kontojn:*
1. *MeesPierson, Postbus 749,3000 AS Rotterdam, Konto 25.52.89.804;*
2. *ABN-Amro Bank, Postbus 949,3000 DD Rotterdam, Konto 42.60.51.599. Pro banka depreno aldonu 6,81 EUR. Poste, informu UEA-n pri la depono kaj petu de UEA la koncernan ĝiron al nia konto "beli-r".*

# Enhavo

*Brazila Esperantisto*
*Nacia kaj Internacia Kulturoj*
*95-a Jaro • N-ro 323*
*Apr / Jun 2003*




## Kovrilo



Andreo Cseh, lia instrumetodo daŭre restas imitinda modelo por ni ĉiuj

**Pri la nuna numero**

## Kunlaboraĵoj

Manko de publikindaj materialoj ne estis problemo por ĉi tiu numero. La redaktoro tre dankas la kunlaboremajn esperantistojn. Li nur pardonpetas pro ne havigi sufiĉan spacon por kontentigi ĉiujn. La redaktoro rediras, ke foto estas grava parto de notico. Do, sendu notico(j)n, sed sendu ankaŭ foto(j)n.


**Abontarifoj**

Kategorio 1: Latinameriko, Afriko, Ĉinio, Bharato, Orienta Eŭropo. - US$ 10,00
Kategorio 2: Usono, Kanado, Japanio, Tajuano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo. US$ 15,00

**Abonmendoj**

- Pagebla pere de depono en nian UEA-konton " beli-r" aŭ pere de kreditkarto VISA.
- Se vi elektas pagi pere de kreditkarto VISA, bonvolu informi pri la karto-numero, la limdato kaj la tri lastajn ciferojn de la dorsflanko de la karto.
- Depono en unu el la du jenajn kontojn:

1 MeesPierson, Postbus 749,3000 AS Rotterdam, Konto 25.52.89.804;
2 ABN-Amro Bank, Postbus 949,3000 DD Rotterdam, Konto 42.60.51.599. Pro banka depreno aldonu 6,81 . Poste, informu UEA-n pri la depono kaj petu al UEA la koncernan ĝiron al nian konton "beli-r".

- Adreso de la redakcio: C. P. 03625 poŝtakodo BR-70084-970 Brasília - Brazilo
- Retadreso: brazilaesperantisto@esperanto.org.br

Bv. informi al BEL: Vian nomon, sekson, korespond-adreson, reta-adreson.

**Revu-kunlaboraĵoj:** La ĉefredaktoro juĝas gravaj la kunlaboraĵojn senditaj/ataj/otaj de la legantoj. Tamen, pro hommanko, spaclimigoj en la revuo, oportuneco kaj kromaj limigoj, sin rezervas la rajton: 1-e) Ne sciigi la ricevon; 2-e) Ne redoni la sendaĵojn; 3-e) Ne garantii publikigon; 4-e) Mallongigi tekston tiam, kiam li juĝu necesa por eventuala publikigo; 5-e) Ĝin reviziigi laŭ ortografia, gramatika kaj terminologia aspektoj.

# 38-a BKE

Jen alproksimiĝas la momento, kiam, en nia lando, estos okazanta la plej impona nacia evento de nia esperanta komunumo: la BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO. Kelkaj atendas tian momenton por promeni, malstreĉiĝi, revidi karajn samideanojn ktp. Aliaj, batalantoj de nia afero, sopirege atendas la saman momenton, sed ne nur por turismumi, sed ĉefe por diskuti la movadon, analizi ĝiajn mankojn, ĝiajn malfacilaĵojn, kaj klopodi trovi novajn vojojn por pli efike trafi ambiciajn celojn aŭ (pli)perfektigi konitajn vojojn cele samajn atingojn.

Kompreneble ĉiam, ĉe tiaj situacioj, ideoj svarmas. Kelkiuj eĉ senpripense tuj konkludas: la movado krizas! Sed povas esti ke ne. Iuj aliaj povas opinii tiajn agitojn kiel impetaj manifestacioj cele plirapidan progreson.

Parto de la internaciaj pensemaj elitoj de nia movado antaŭ nelonge elpensigis kaj estigis en Eŭropo alternativan modelon de esperanto-movada strukturo, kiun ili nomis *Esperanta Civito*. La eferveskeco detektata en nia nacia esperanta medio, ĉu ne estus konsekvenco de tiu estigaĵo? Jes aŭ ne, iam tute certe ni havos la respondon.

Ni akompanu, partoprenu, diskutu, sugestu, kunlaboru, proponu kaj agu, ĉar multege ni, tiuj kiuj amas Esperanton kaj juĝas ĝin revolucia konkero por la homaro, bezonas kaj bezonos fari tion. La kongreso estas la taŭga forumo por pridiskuti nian movadon. Samtempe ni ĝuu la agnoskatan gastamecon de la popolo de Minas Gerais kaj la allogaĵojn, kiuj estos je nia dispono en tiu ŝtato inter aliaj: Mariana, la unua urbo de la brazila kolonia periodo; Ouro Preto, kiu estas de 1980 Kultura Posedaĵo de la Homaro laŭ decido de UNESKO; Caraĉa, loko plena je legendoj kaj misteroj; Kavernoj Rei do Mato kaj Maquiné; Serra do Cipó, regiono riĉa je atentokaptaj pejzaĝoj konsiderata de la turistoj grandega ĝardeno; la diversaj turismaj punktoj de Belo Horizonte ktp.

Bonan vojaĝon kaj bonan kongreson al ĉiuj, kaj, kompreneble, bonan legadon de *Brazila Esperantisto*.





**Brazila Esperantisto**
ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo • Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
95-a Jaro • Aprilo / Junio 2003 • N-ro 323
Aperas trimonate

**Eldona Stabo**
**Respondeca Ĵurnalisto** Emerson Werneck RG 06254JP/MG **Ĉefredaktoro** Carlos Maria
**Konstantaj kunlaborantoj** Carlos Alberto Pereira, Cícero Gabriel, José Carlos Dorini Ramos, José Saraiva Mattos, Lício de Almeida Castro Luciano Barbosa da Silva, Wilson Álvares de Oliveira **Ĉi-numeraj kunlaborantoj** Aldenora Mendonça Mercês, Adonis Saliba, Aloísio Sartorato, Aymoré Vaz Pinto, Carlos Alfredo Aragon Guerrero, César Dorneles Soares, Daniel Pereira Luz, Edvaldo Silva Machado, Elma Nascimento, Euclydes Geraldis de Carvalho, Gacy Simas, Hélio Chierighini, George Otto Vaske, James Piton, José Joaquim Lunazzi, Jozefo Pacheco, May Bijleveld, Paulo Pereira Nascentes **Grafika aranĝo kaj enpaĝigo** Elison de Novais Simas
**Grafika asistado** Luciana do Nascimento Maria, Alessandro Frutuoso Soares **Revizio kaj tradukado** BEL-asesorskipo
Redakcio ĉe BEL-sidejo - Telefono: 55 (61) 226 9433
Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem . Abonebla ĉe UEA kaj ELNA




**Sidejo** Ed. Venâncio III - Sala 301/303, Setor de Diversões Sul **Poŝtadreso** Caixa Postal 03625, CEP 70084-970 Brasília - DF
**Telefono** (0xx61) 226 1298 **Fakso** (0xx61) 226 4446 **Retadreso** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo** www.esperanto.org.br

# Aymoré Vaz Pinto

*D-ro Aymoré Vaz Pinto estas kuracisto. Li specialiĝis en Hematologio en Parizo, Francio, ĉe "Nouveau Hôpital Beaujon", li faris Majstra-kurson en la kadro de Hematologio kaj Imunologio en Meksikio, ĉe Nacia Aŭtonoma Universitato de Meksikio kaj laboris dum 23 jaroj kiel medicina profesoro ĉe Universitato de Brazilja. Ekde sia emeritiĝo kiel profesoro, li sindediĉis al la volontula laboro ĉe Brazila Esperanto-Ligo.*

**Brazila Esperantisto (BE)** Kiel kaj kiam vi interesiĝis pri Esperanto?

**Aymoré Vaz Pinto (AVP)** Mi sciis pri Esperanto, pere de la revuo "Reformador" eldonita de Brazila Spiritisma Federacio, kiam mi estis studento en Medicina Fakultato. Tiam, mi aĉetis la libron "ESPERANTO SEM MESTRE" kaj studis la unuajn lecionojn. Kvankam mi ne daŭre studis la lingvon, mi neniam deturnis mian atenton tiucele. Post la Fakultato, venis la edziĝo, la 6 gefiloj, la kurso konata kiel "Residência Médica" (Specialigo), la postgradaj kursoj en Parizo kaj Meksikio, la tezo, la profesia laboro kaj finfine la emeritiĝo. Post la emeritiĝo, mi faris kurson de Esperanto sub la gvido de la distinginda profesoro Hermano Studart Lins de Albuquerque, antaŭ proksimume 10 jarojn. Mi kalkulas de tiam mian iniciaton pri Esperanto.

**BE** Ĉu la emeritiĝo kontribuas por ke la homoj sin dediĉu al la volontula laboro?

**AVP** Kompreneble. La emeritoj havas tempon por sindediĉi al la laboro, volontula aŭ ne. Se ili ne uzas la liberan tempon por labori, studi, sindediĉi al arto aŭ praktiki sporton, ili estas kondamnitaj al sensana kaj senĝoja vivo.

**BE** Ĉu la profesia laboro influis vian decidon labori por Esperanto?

**AVP** Antaŭ ol komenci mian profesian laboron mi jam decidis ion fari por Esperanto. Por ke iu laboru por Esperanto sufiĉas koni ties celon kaj internan ideon. Rilate al profesia laboro mi havas komentarion: Kiam mi faris esploron pri la envejna injekto de fero al feraj deficitaj pacientoj, unue mi demandis ĉe biblioteko pri skribaĵoj jam publikitaj tiu-rilate. Venis al mi skribaĵoj en pluraj lingvoj, multaj el ili estis en japana, rusa, germana kaj aliaj. Kun bedaŭro mi profitis paperojn nur en la angla, franca kaj his-pana lingvoj. Tiam mi rezonadis: Se la sciencistoj publikigus siajn verkojn en internacia lingvo la progreso de la scienco multe gajnos kaj ekonomie kaj tempe. En ĉiuj profesioj oni povas konstati la avantaĝojn de la uzo de Esperanto.

**BE** Laborante por Esperanto, kiu estis por vi la plej granda malĝojo kaj la plej granda ĝojo?

**AVP** Ĉu granda ĝojo? Estis rimarki la progreson de la esperanto-movado, la progreson de Ligo kun ĝia biblioteko, ĝia libroservo, ĝia abonservo, ĝia bela kaj riĉenhava revuo, ĝia jarlibro, ĝiaj kunigaj kaj produktivaj buntaj kongresoj, la seriozecon de la estraro, la demokratiecon de ĝiaj balotadoj, la travideblecon de ĝiaj kontoj kaj librotenado, ktp.

Antaŭ dek jarojn kiam mi komencis labori en BEL-sidejo, ni estis nur 5 homoj: Adolfo, Dorini, Francisco, Carlos Maria kaj mi, kiuj laboradis en malgranda ĉambro. Estis multo por fari. La laborkondiĉoj hodiaŭ estas pli favoraj: Estas sufiĉa spaco, estas taŭgaj maŝinoj kaj estas pliaj homfortoj. Oni facile konstatas ke Ligo multe progresis, ne nur fizike en nombro da ĉambroj kaj ekipaĵoj, sed precipe en la perfektigado de ĝiaj administraj aferoj, de ĝiaj servoj kaj ankaŭ en internaciaj rilatoj. Du foje Ligo finance subtenis vojaĝon de junuloj por deĵori ĉe UEA, kunlaborante en la preparado de estontaj movadanoj. Dum 9 jaroj mi estis kasisto de BEL.

Nuntempe mi respondecas pri eksterabono de la revuo Brazila



Esperantisto kaj kunlaboras en la Libroservo. Rimarki tiujn progresojn estas ĝojiga, ĉu ne?

Ĉu granda malĝojo? Estas aŭdi la demandojn de kelkaj esperantistoj pri siaj avantaĵoj se ili enskribiĝas kiel ano de BEL, anstataŭ demandi kion ili povas fari por la esperanta movado. Estas ankaŭ vidi esperantistojn kiuj laboras por krei skismon, disdividon, kiam la interna ideo de Esperanto estas unuigi homaron.

**BE** Laŭ via opinio, ĉu la esperanto-movado kreskis?

**AVP** Jes, sendube. En la lastaj 10 jaroj, parolante pri ***renkontiĝoj***, mi vidis ke brazilaj kongresoj ĉiam okazis en bonaj kaj agrablaj etosoj. Same okazis rilate al ŝtataj kaj al regionaj renkontiĝoj. Parolante pri ***lernomaterialoj,*** mi mencias la aperon de multaj lernolibroj por ke la studentoj kaj instruistoj povu elekti inter ili la plej taŭgajn laŭ iliaj bezonoj. Mi mencias ankaŭ la aperon de bonaj vidbendaj kursoj nacie kaj internacie, altkvalitaj KD-j pri kurso kaj varieteo kaj interreta kurso ellaboritaj de kompetentaj instruistoj. Parolante pri ***instruado,*** ni vidas ke la landa sekcio de ILEI, gvidata de Marcos Zlotovich forte laboras celante unuigi la brazilajn fortojn ĉirkaŭ la temo: Instruado de Esperanto, antaŭvidante por la proksima estonto belajn rezultatojn. Aperis KD-j kaj muzike kaj parole por ke oni sin distru kaj sin instruu. Temante pri ***komunikado***, la revuo Brazila Esperantisto, regule oftiĝas kaj gajnas nuntempe la simpation de multaj eksterlandaj esperantistoj. Aperis diskutlistoj interligante esperantistojn el la tuta mondo. La Portalo Ĝangalo riĉigas la esperantan medion per novaĵoj. Ĉefe por la ne-esperantistoj, aperis traduko de la verko "O Desafio das línguas" de Claude Piron, kun apogo de Brazila Esperanto-Ligo, enhavante riĉajn kaj fortajn argumentojn favore al konveneco adopti la internacian lingvon. Se temas pri ***eldonoj***, Fonto, Brazila Spiritisma Federacio kaj Societo Lorenz, daŭre aperigas bonajn librojn, riĉigante la esperantan literaturon kaj enlandan kaj eksterlandan. Novaj bonaj libroj aperis, inter ili, teknikaj, didaktikaj kaj religiaj, kiuj furoris kiel brazilaj eldonaĵoj. Temante pri ***Esperanto-movado***, ni vidas ke la ŝtataj asocioj plifortiĝis, Kultura Kooperativo de Esperantistoj de Rio de Janeiro, viglas denove, pro la sindediĉo de idealistaj kaj kompetentaj samideanoj. Radio Rio de Janeiro disaŭdigas bonajn programojn pri Esperanto. UEA establigas oficejon por Ameriko en Brazilo. Novaj projektoj aperis por instigi naskiĝon de novaj grupoj, apogatoj kaj de veteranoj kaj de Amerika Komisiono.

Ĉiuj tiuj progresoj de la brazila Esperanto-Movado okazis dum nia lando suferis kaj gravajn kaj seriozajn ekonomiajn problemojn.

Spite tiom da progreso, kelkfoje aperas esperantistoj kaj diras ke la movado stagnas. Mi ne kredas ke la movado stagnas, kontraŭe, ĝi okulfrape viglas. Ĉu tiuj eroj de nekompleta listo de pozitivaj okazintaĵoj signifas stagnadon?

**BE** Kio mankas al Esperanta Movado por atingi la celon revitan de Zamenhof?

**AVP** La Esperanto-Movado en la mondo travivis alton kaj malalton, akcelon kaj bremson. Mi pensas ke pro tiuj alternadoj, oni nomas ĝin, movadon, rilatanta al movo. Legante la historion de Esperanto, ni konstatas, ke ĉiam, kiam la movado viglis, tio okazis pro la laboro de kompetentaj kaj sindonemaj esperantistoj. Gravas la nomoj de Andreo Cseh, Julia Sbrucker, Edmond Privat, en la kreo kaj de Internacia Esperanto Instituto, kaj de Universala Ligo, en la disvastigado de la revolucia instrumetodo Cseh, en la eldonado de la revuo "La Praktiko". Memorinda estas la laboro de Teo Jung, la fondinto de la gazeto "Heroldo de Esperanto", kiu sukcesis enregistri milojn da abonantoj en la tuta mondo kaj ĉiamiĝas ĝis nun. Gravas la laboro de UEA, kiu arigis altvalorajn batalantojn, kiujn ni ne mencias ĉi tie por ne plenigi la tutan paĝaron de la revuo.

Ĉiam kiam la movado bremsis, tio okazis pro la persekuto de diktatoraj reĝimoj kaj pro kvereloj inter la esperantistoj mem. Lazaro Ludoviko Zamenhof, en letero al esperantistoj, Varsovio, 18.01.1908, skribis: "... Per vojo de paco kaj harmonio ni ĉion povas krei, per vojo de malpaco kaj ribelo ni ĉion nur detruos."

***Konkludo***: Mi pensas ke se ne manku kaj pacon kaj kompetentaj kaj sindonemaj esperantistoj, kiuj laboru sen malproksimiĝi de la interna ideo de Esperanto, la movado atingos la celon revitan de Zamenhof.

# Ni eraris

George Otto Vaske, loĝanta en São Sebastião do Caí (Municipo de la ŝtato Rio Grande do Sul), atentema leganto de BE, rimarkis malĝustaĵojn en la n-ro 322 kaj kunlabore ilin sendis al nia redakcio. Jen la alnotaĵojn:

*P. 3*: Enhavtabelo: 14 – Trista okazintaĵoj → Tristaj...; 20 - ...rompkapiĝis → rompi sian kapon;
*P. 9*: ...prenis siajn gefilojn → arigis siajn...;
*P. 10*: 1-a kolumno: soberaneco → suvereneco; 2-a kolumno: Tiel longe estu brazilano... → Tiel longe kiel estos brazilano...; Mi konkretigas sonĝon de generacioj... → Mi konkretigas revon...; 3-a kolumno: ...la indignigado → ...la indignado; ...kostigis al li → ...kostis al...; ...mortintaj ĉe hospitalo → ...en hospitalo;
*P. 11*: Aviada Terminaro: ...Enkonduko de Esperanto en flugmediojn. → ...en flugmedioj.;
*P. 14*: 2-a kolumno: ...ŝpari iomete da monon → ...da mono;
*P. 17*: Kie vi estas, samideano? → Kie vi estas samideaninoj?;
*P. 19*: 1-a kolumno: ...unuiiganta la bonintencajn... → ...unuiganta...; 3-a kolumno: ...fondis la menciitan Universitan... → ...Universitatan...; 3-a kolumno: ...li donis al domon... → li donis la domon...;
*P. 21*: Humuraĵo: Tamen, tuj eksteren metis... → tuj post meti la kapon eksteren; 1: Humuraĵo: ...globiĝita mondo → globiĝinta/globigita....

---

**Rimarko**: *la simbolo → montras la preferindan aŭ la ĝustan formon kaj P, la paĝon. Dankon pro la kunlaboro. La Redakcio*

# Konkurso Novaj Talentoj

## Regularo

La revuo BrazilaEsperantisto, kun la celo instigi junajn verkistojn diskonigi siajn verkojn kaj samtempe prepari ĝiajn estontajn kunlaborantojn kaj redaktantojn, relanĉas la konkurson NOVAJ TALENTOJ, kiu premios la tri plej bonajn tekstojn en Esperanto pri la ĉijara temo. Oni sendu ilin ĝis la 31-a de julio 2003 (kiel dato validos la afrankdato de la kovertoj).

• La ĉijara temo estas *"La Paco"*.

• Rajtos partopreni kiu ajn de Brazilo aŭ de aliaj landoj (escepte BEL-estrarano aŭ konstanta partoprenanto de BE-skipo), kiu, antaŭ la limdato (la 31-a de aŭgusto 2003) estos malpli ol 35-jaraĝa.

• Ĉiu partoprenanto rajtos sendi kiom ajn da konkursaĵoj.

• La konkursaĵoj devos esti eseoj kaj *prezentitaj sub pseŭdonimo*. En fermita koverto, kune sendita, estu la vera nomo de la partoprenanto, ties naskiĝdato, kaj korespondadreso.

• La verko estu inter 2,5- kaj 3-paĝojn longa (unu paĝo egalas 20 liniojn, po 70 tajpospacoj en unu linio).

• La venkinto havos sian tekston plene publikigita en la revuo kaj ricevos egalvaloron de R$ 300,00 (tricent realoj) je esperantaj libroj de li elektitaj.

• La dua loko havos sian nomon menciita en la revuo kaj ricevos egalvaloron de R$ 200,00 (ducent realoj) je esperantaj libroj de li elektitaj.

• La tria loko havos sian nomon menciita en la revuo kaj ricevos egalvaloron de R$ 100,00 (cent realoj) je esperantaj libroj de li elektitaj.

• La ĵugkomisionon konsistigos: Floriano Negreiros de V. Pessoa, Paulo Sérgio Viana, Flávio Fonseca, Carlos Maria, Cícero Gabriel C. Soares, Neusa Priscotin Mendes kaj Jair Salles.

• La rezulto troviĝos en la retpaĝaro de BEL en la unua semajno de oktobro kaj publikiĝos en la jarfina numero de la revuo.

• La juĝkomisiono havos la rajton ne premii unu aŭ ĉiujn lokojn (1-a, 2-a kaj 3-a lokoj) se la kriterioj por taksado ne estos atingitaj.

• La kriterioj por taksado estas jenaj:
1-a loko: Bonega (8 A entute);
2-a loko: Tre bona (6 A aŭ malpli ol la unua);
3-a loko: Bona (4 A aŭ malpli ol la dua).

• Oni taksos la verkojn laŭ *gramatika korekteco, vorta korekteco, kohereco en la ideoj, koncerna enhavo* kaj *stilo*.

• La juĝkomisiono analizos neantaŭviditajn kazojn.

• Oni sendu la verkojn al BEL – Brazila Esperanto-Ligo, Caixa Postal 03625 – Brasília – DF, CEP 70084-970, Brazilo, zorge de la konkursestro, Emerson Werneck.

# Ne nur vortoj

Esperantigis James R Pinton




Tio estas esperantigo de la devizo de la TTT-ejo *www.logos.it*, vera eltrovaĵo por tiuj, kiuj profesie tradukas aŭ simple scivolas pri aliaj lingvoj. En la sama hejmpaĝo oni trovas diversajn retajn ligilojn al lingvaj rimedoj, universalan konjugaciilon por 30 lingvoj, datumbazon de famaj citaĵoj kaj vivantan vortaron, kiu des pli kreskas ju pli oni uzas ĝin. Ĝi nuntempe havas vortojn por 190 lingvoj, inkluzive de Esperanto.

Ĉio komenciĝis kiel tradukoficejo en Modeno, Italio, per tradukado de dokumentoj por lokaj entreprenoj en 1979. Post iama pionirado en la komerca apliko de telekso kaj fakso, ***Logos*** nuntempe estas unu el la plej grandaj tradukentreprenoj en Eŭropo, kaj laŭ la kvanto da tradukaĵoj kaj laŭ la nombro da klientoj. Ĝi nun troviĝas tute ligita al la novaj retaj teknologioj, kio faciligas la rapidan kaj efikan samtempan kunlaboron de skipoj en diversaj kontinentoj.

Sed plej gravas, ke ***Logos*** senpage disponigas al la publiko plurajn servojn. Ties datumbazo "wordtheque" (vortoteko), ekzemple, enhavas pli ol 2000 enkomputiligitajn librojn, kio ebligas la serĉadon de kiu ajn vorto ene de kunteksto. En la kazo de Esperanto, preskaŭ ĉiuj enkomputiligitaj libroj estas tradukaĵoj de verkoj de Hans Christian Andersen, sed iom post iom aldoniĝas aliaj aŭtoroj.

Krome, la TTT-ejo proponas al la vizitanto servon por kreo de anagramoj en ses lingvoj, vortaron por infanoj, faciligilon por krucvortoj, forumon de interŝanĝo de vortoj, per kiu la vizitantoj povas proponi tradukojn por novaj vortoj en kiu ajn lingvo, kaj la profesian vortaron ***Logos***, kun pli fakaj terminoj.

## Invito al la esperantistoj

La granda allogaĵo de la TTT-ejo estas la t.n. vivanta vortaro, kiu enhavas pli ol 8 milionojn da vortoj en ĉirkaŭ 200 lingvoj kaj dialektoj, kelkaj kun propraj alfabetoj. Eĉ antikvaj lingvoj, kiel la latina, estas inkluzivitaj. Principe kiu ajn vorto povas trovi ekvivalenton en ĉiuj ceteraj 200 lingvoj. Sed se iu serĉos vorton kaj ĝin ne trovos en sia lingvo, tiu vizitanto povos fari proponon de traduko, kiu tuj aldoniĝos al la vortaro, kun demandosigno, indikante ke ĝi ankoraŭ ne estas aprobita de la fakuloj de Logos. Post unu el la laŭokazaj revizioj fare de la fakuloj, la aldonaĵoj estas oficialigitaj aŭ forĵetitaj. Tiel la vortaro kreskas po 1000 novaj vortoj ĉiutage. Tio estas la okazo por ke nia E-komunumo kontrolu kiujn terminojn ankoraŭ ne tradukiĝis en esperanto kaj eble fari el nia verda lingvo la plej kompletan kaj organizitan en tiu universala datumbazo.



# La homo kiu arte instruis Esperanton

May Bijleveld

*Unu el la esperantaj instruistoj, kiu plej famiĝis en la historio de la E-Movado sendube estis Andreo Cseh, naskita la 12-an de septembro 1895, en Maro-Luda, Hungario.* ***May Bijleveld*** *havis la feliĉon koni lin de proksime. Pro tio, Asocio Esperantista de Rio de Janeiro invitis ŝin prelegi pri li ĉe sia sidejo. Jen la enhavo de ŝia prelego, kiun ricevis de ŝi la titolon.*

## Andreo Cseh instruis idiomon ĝojigante la homojn

Andreo Cseh venis al Nederlando en la jaro 1929 kaj loĝis dum multaj jaroj en Den Haag.

Malmultan tempon antaŭ tio mi lernis Esperanton pro tre viva kaj inteligenta parolado de S-ino Isbrücker. Mi faris la unuan bazan ekzamenon kaj tuj studis por la ekzameno B, kiu donis al mi la permeson instrui.

Kiam Andreo Cseh venis, mi aŭdis tiom da laŭdo pri li, ke malgraŭ tiuj diplomoj mi sekvis lian kurson en Den Haag. Mi faris tion nur pro scivolemo. Do ne per mia propra sperto mi povis diri ĉu tiu metodo bone instruas, ĉar mi jam konis la lingvon, sed tiuj kursoj havis grandan sukceson. Ili eĉ komenciĝis jam kun sufiĉe da lernantoj por ke ili formu bonan "ĥoron" por kune respondi la demandojn de Andreo Cseh.

Kiel do oni sukcesis allogi tiom da lernantoj? Per publika kunveno anoncita en ĵurnaloj, kie unue okazis informa entuziasmiga parolado (ofte de S-ino Isbrücker) kaj post mallonga intervalo venis la provleciono de Andreo Cseh por aŭdigi la lingvon kaj doni iom da kompreno pri ĝia gramatika konstruo. Interesa kaj gaja.

Je la fino oni povis enskribiĝi por kurso. Multaj aliĝis.

Dum la kurso la lernantoj neniam malpliiĝis. Unue en Nederlando liaj kursoj komenciĝis kun proksimume 25 lernantoj kaj finiĝis kun 45. Poste li komencis kun 80 kaj finis la kurson kun pli ol 100. Ĉu nur pro entuziasmo por Esperanto? Mi kredas ke ne. Granda parto de la kursanoj serĉis amuzon. Amuzo ne nur helpas la instruadon. Severan enuan kurson oni facile forlasas, sed ĝojon kaj ridon oni ne rifuzas. Sed per tiuj amuzaj kursoj ili malkovris idealon kaj iĝis fidelaj esperantistoj.

En malmulta tempo lia nomo ĝenerale famiĝis. Estis ankaŭ laŭ lia iniciato ke granda semajna revuo (de Haagsche Post) aperigis kolumnon pri kaj ofte en Esperanto. Li ĉiam laboris kune kun la geedzoj Isbrücker. Ankaŭ kiel propagandisto li aktivis. Tio en Nederlando estis la Ora Epoko de Esperanto.

Por komprenigi al la lernantoj la neceson de helplingvo en la unua leciono li rakontis historion pri du alilandanoj, kiuj renkontiĝis ĉe landlimo sur alta monto, kie ili ripozis kune kun siaj azenoj. La homoj ne interkompreniĝis, sed la azenoj tre bone komprenis unu la alian. Konkludo: azenoj estas inteligentaj bestoj. Sed la homoj? Ili bezonas helplingvon.

Tiun historion li rakontis normale en Esperanto. Ĉiu frazo estis tradukita. Tiel la lernantoj unuafoje aŭdis la sonon de nia lingvo. Dum kelkaj lecionoj tiu tradukisto tradukis iom da vortoj. Poste tio ne plu necesis.

Fakte Andreo Cseh estis pastro, sed laŭkaraktere mi pli ŝatus nomi lin aktoro, tre amuza aktoro. La gajeco estis la plej grava instruilo. Liaj seriozaj intencoj sin kaŝis malantaŭ ridigaj historioj. Neniam li predikis dum la lecionoj. Sed li vere transdonis la Internan Ideon de Zamenhof, ekzemple en la historio pri la muŝoj, kiuj falis en la bieron de diversnaciaj esperantistoj, kiuj konversaciis en restoracio. Ĉiuj reagis malsame. Unu kolere vokis la kelneron kaj postulis novan bieron, alia ĵetis la muŝon sur la plankon kaj trinkis la bieron. Aliaj reagoj sekvis. Kaj la lasta

prenis la muŝon plenan je biero, rigardis ĝin ravite, metis ĝin en la buŝon kaj diris: "Kia delico! Muŝo kun biero!" Kaj li aktore prezentis la tuton. Post ĉiu frazo lia li demandis: "Kion faris la unua (aŭ dua, tria) muŝo?" "La unua muŝo flugis super la tablo kaj kantis ZZZZ". Kaj kio okazis poste? "Ĝi falis en la glason de la germano". "Kion faris la germano?" ktp. Do ankaŭ la lernantoj rakontis la historion, ĉiam en ĥoro. La fino de la historio: malgraŭ la malsameco ĉiuj daŭrigis la amikan konversacian.

Ĉiuj komprenis la simbolismon de tiu amuza historio.

Li kontaĝis siajn lernantojn per tiu humoro. Li donis demandojn por esti skribe respondotaj. Unu demando: Kion vi farus se muŝo falus en vian bieron? Respondo: Mi tre zorge donus banon al ĝi kaj kunprenus ĝin al bestkuracisto.

Gajeco ne nur helpas ke oni atentu la lecionon, sed por multaj zorgoplenaj homoj ĝi agas kiel fortigilo. Tial Andreo Cseh estis tre amata.

Li mem nomis sian metodon: konversacia kurso. Li montris personojn kaj objektojn, parolante pri ĝi. Li faris demandojn al la lernantoj, kiuj respondis ĉiuj kune. Tio helpis la timidulojn. Ili povis paroli sen timo ke aliaj aŭdos iliajn erarojn. Tio similis ludon. Li rekomendis ke hejme oni ripetu la frazojn laŭte kaj diris: se vi timas ke iu ridos pri viaj eraroj, parolu al via hundo. Ĝi ne ridos pri vi.

Li ne uzis lernolibron. Ankaŭ li ne donis paperojn post la leciono kun la enhavo de tiu leciono. Ĉiu devis fari siajn proprajn notojn dum la leciono. Tial ili ne povis ne veni al la lecionoj.

Alia specialaĵo: li sciis la grandan valoron de troigo. Por montri formojn, grandecon kaj kolorojn li havis multajn paperojn. La ruĝa papero estis ne nur granda, sed grandega, pli malpli 80cm x 50. Kontraste la blanka papero estis nur eta peco de papero. La flava papero estis 2 metrojn longa. Alia mallonga papero mezuris ne pli ol 10 cm. Ĉiuj tiuj paperoj estis en lia ĉapelo, kiun subite iu alportis al li. Li ŝajnigis ke tio estas granda surprizo. Mi neniam forgesas kiel li fortiris iom post iom tiun flavan paperon kun nekredanta vizaĝo. La flava papero estis TRE longa! Tiel neniu povis forgesi la vortojn FLAVA, LONGA kaj TRE.

Por klarigi la akuzativon de la rekta objekto, li agis jene. Li skribis facilan frazon sur paperon kaj tranĉis ĝin laŭvorte: mi / estas / pastro. Tiujn paperetojn li faldis kaj ĵetis ilin en sian ĉapelon (hodiaŭ neniu plu uzas ĉapelon, do uzu skatolon!). Kirlinte bone tiujn paperetojn li petis unu lernanton preni unu, ekzemple, ESTAS. Do li skribis ESTAS sur la tabulon. Alia lernanto prenis duan paperon kaj legis PASTRO. Nepre la tria vorto estis MI. Li skribis ĉion kaj tiel aperis la frazo ESTAS PASTRO MI. Ripetinte tiun ludon plurfoje li povis montri la 6 diversajn formojn: 1) Estas pastro mi, 2) Estas mi pastro, 3) Mi estas pastro, 4) Mi pastro estas, 5) Pastro mi estas, 6) Pastro estas mi. Poste li demandis: "Ĉu la frazoj estas bonaj?" Kaj la lernantoj kriis: "Ne!" "Ĉu estas unu bona frazo sur la tabulo?" "Jes!, numero 3. "Ĉu frazo 4 ne estas bona?" "NE!" Kaj tiam li diris kun tiu komikserioza mieno: "Mi solene deklaras: "Ĉiuj frazoj estas bonaj". Tiel li klarigis la liberan sinsekvon de la frazpartoj.

En alia leciono kiam ili ne estis pensantaj pri tiu afero, Cseh instruis la "plej interesan" vorton en la tuta mondo: AMI. Kaj faris frazon, ekzemple, "La ĝardenisto amas la vendistino" kaj demandis: "Ĉu la frazo estas bela?" "Jes, ĝi estas tre bela." "Ĉu vi komprenas?" "Jes, ni komprenas!" Tiam li sidiĝis kun tre malgaja mieno, apogis la kapon per la mano kaj diris: "Mi ne estas inteligenta. Vi komprenas. Vi estas inteligentaj. Sed mi ne komprenas. Mi estas malinteligenta". Atendis iomete. Kaj daŭrigis: "Ĉu vi memoras? Mi estas pastro. Pastro estas mi. Estas mi pastro. Ĉiuj frazoj estas bonaj kaj egalaj. Do, la ĝardenisto amas la vendistino. La vendistino amas la ĝardenisto. Amas la ĝardenisto la vendistino... Ĉiuj frazoj estas bonaj kaj egalaj... Kiu amas? Ĉu vi scias?"

Ne, neniu plu komprenis. Regis konfuzo. Subite li levis la vizaĝon. Batis la frunton kun la fingro kaj gaje diris: "Ah! Nun mi memoras. Ekzistas en Esperanto tre grava litero: N!" Kaj per ruĝa kreto li skribis grandan N sur la nigran tabulon. Li kompletigis per tiu ruĝa litero la frazon kaj diris: "Nun mi scias kiu amas. La ĝardenisto amas."

Tiam li ripetis la saman frazon kun variaj formoj. Ĉiuj ripetis kune. Poste ili inventis aliajn frazojn. Ĉiuj komprenis la neceson de la akuzativo kaj neniu plu forgesis.

Estis amuza komedio, sed kion pensi pri tia longdaŭra leciono? Ĉu tio estas necesa? Tio dependas de la kvalito de la

lernantoj.

La nura argumento kontraŭ lia metodo eble estas ke tia aktora kurso bezonas multan tempon. Por intelektuloj, kiuj bone komprenas la gramatikon oni povas rapide sciigi: "La rekta objekto ricevas – n, ĉar la sintakso en multaj lingvoj de la tuta mondo estas malsama, la klara indiko de la rekta objekto estas necesa. Tiel ni povas formi la frazojn laŭvole konforme la ritmo de poemo aŭ metante tre gravan objekton ĉe la komenco de la frazo". Kaj nenion pli. Tamen ekzistas multaj personoj kiuj tute ne scias kio estas rekta objekto aŭ akuzativo. Tio ankaŭ dependas de la lando kie oni instruas.

Tial kiam oni petis min gvidi kurson en Gouda por instruistoj de bazaj lernejoj, mi ne kuraĝis perdi ilian tempon uzante la Cseh-metodon, kvankam Andreo Cseh jam permesis tion al mi. Mi ŝatis aktori, sed en tiu klaso mi ne faris tion kaj instruis tradicie.

Nun mi bedaŭras tion, ĉar montrante tiun metodon al instruistoj, mi povus helpi ilin instrui siajn proprajn lernantojn, kiuj ankoraŭ ne atingis tiun nivelon.

Sed la plej granda valoro de la Cseh-metodo estas la gajeco, kiun li transdonis. En tiu ĉi malgaja mondo povas esti pluraj personoj inter niaj lernantoj, kiuj suferas je alta sango-premo pro problemoj. Por ili rido estas bona rimedo.

Do por ĉiu kurso ni devas pripensi ĉu rapideco estas grava. Kaj kia estas la nivelo de la lernantoj. Eble la plej bona metodo estas iomete miksi la metodojn konforme la cirkonstancoj. Ĉiu leciono havu bonan kvanton de Andrea gajeco. Tion la nuna mondo bezonas.

Kara pastro, Andreo Cseh, vi pravas! Pli bone ol prediki estas ĝojigi. Vi kaŝe instruis la internan ideon. Vi pensigis kaj paroligis viajn lernantojn. Koni vin estis granda privilegio. Mi dankas pro via instruo kaj via amikeco.



* Prononcu: Ĥio de Ĵanejro.

## May Bijleveld laŭ si mem

*Mi naskiĝis la 2-an de Aŭgusto 1909 en Breda, urbo en la sudo de Nederlando. Poste de 1914 al 1918 en Ede, kaj poste ĉiam en den Haag, kie mia 2-a grada lernejo estis la HES, Hogere Burger School, (Altgrada Lernejo), kie, apud la lingvoj franca, germana kaj angla estis instruitaj: fiziko, kemio, algebro, planimetrio, geografio, historio, gimnastiko kaj kudrado. Sed ... ne Esperanto.*

*Kiam mi estis pli malpli 12-jara, iam mia patrino diris: "strange, kiam mi pensas pri via estonteco, mi vidas vin en lando kun montoj kaj palmoj. Tiuj estas tropikaj plantoj. Vi loĝas en apartamento kun granda balkono, kie mi vidis tiun grandan palmon. Mi vizitas vin kaj mi parolas la anglan kun viaj amikoj kaj kun via edzo kaj lia familio.*

*Mi neniam forgesis tiun historion, sed ne ofte pensis pri ĝi... Poste, kiam mi jam loĝis kun mia brazila edzo en Rio de Janeiro, mia patrino vizitis nin. Iun tagon sur la balkono ŝi subite diris: "Ah! Tie ĉi estas la balkono, kiun mi vidis kaj tie estas la palmo, kaj mi parolas angle kun viaj bogepatroj. Kion vi pensas pri tio?*

***Kiel (kaj kial) mi venis al Rio de Janeiro.***

*Kiam mi estis 19-jara mia bona amikino kiu loĝis apud mi, demandis: "Ĉu morgaŭ vespere vi estos libera?". Mi diris: "Jes. Kial vi demandas tion?" "Ĉar mi devos iri al parolado por skribi raporton. Kaj iu povos akompani min. Ĉu vi povos iri kun mi?" "Jes, bone. Pri kio oni parolos?". "Mi ne bone komprenas. Pri Esperanto." "Kio estas tio?" "Mi ne scias." Do mi aŭdis interesajn informojn pri Esperanto kaj tuj aliĝis al kurso, kiu sekvis la prelegon. Mi sukcese faris la ekzamenojn A (kapablo paroli) kaj B (kapablo instrui).*

*Tuj poste mi iris al la Kongreso en Oxford (1930), kie mi renkontis mian estontan edzon. Li estis brazilano, kaj tial mi loĝas en Brazilo.*

*Sed antaŭ tio, kiam mi estis juna kaj ankoraŭ loĝis en Nederlando (den Haag), subite venis Andreo Cseh kaj ĉar oni multe parolis pri li, mi decidis sekvi lian amuzan kurson. Mi ankaŭ estis membro de teatro-klubo kaj tial mi bone imitis Andreon Cseh. Li estis tre amuza kaj ankaŭ tre inteligenta. Ĉiuj novuloj lernis bone kaj rapide.*



*La fotoj estas ĝentilaĵo de D-ro Hélio Chierighini, fama medicinisto de Itu (urbo de la ŝtato San-Paŭlo) kaj amanto de la foto-arto. Jam du foje (n-roj 315 kaj 317) BE utiligis fotojn faritajn de li. D-ro Hélio planas eldoni en la kuranta jaro libron nur kun fotoj pri floroj. Jen kelkajn valoraĵojn liajn.*





# Oficialaj Komunikoj



## 38ª Brazila Kongreso de Esperanto

BEL ĉimomente jam faris la aliĝon de 393 kongresanoj.

Jen la tabelo de ĉiuj aliĝintoj al la 38-a BKE laŭ federaciaj ŝtatoj:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AC | 0 | ES | 12 | PB | 0 | RR | 0 |
| AL | 7 | GO | 4 | PE | 1 | RS | 14 |
| AM | 0 | MA | 0 | PI | 0 | SC | 2 |
| AP | 0 | MG | 89 | PR | 5 | SE | 1 |
| BA | 13 | MS | 4 | RJ | 68 | SP | 96 |
| CE | 22 | MT | 3 | RN | 5 | TO | 0 |
| DF | 44 | PA | 0 | RO | 0 | Eks* | 3 |
| Kvanto da aliĝintoj ĝis la 21-a de junio 2003: 393 | | | | | | | |

Eks* ➲ eksterlandanoj ne loĝantaj en Brazilo
Sumo de la kotiz-valoroj ricevitaj : R$ 19.415,00

LKK jam dissendis, pere de BEL, la 2-an Cirkuleron kun detaloj rilataj al programo de nia kongreso: ĝeneralaj informoj, kursoj, diversgradaj ekzamenoj, turismaj ekskursoj, gastigaj opcioj, ktp. La samajn informojn vi trovos ĉe la ttt-ejo *http://www.esperanto-mg.org.br/#*. Rigardante ĝin, premu sur la esprimon "SAIBA MAIS" kaj post premu sur la citaĵon "Circular Nro 2".

Ni petas de ĉiuj kiuj deziras partopreni en la 38-a BKE, sed ankoraŭ ne aliĝis, ke post la 30-a de junio, nur tion faru en la kongresejo. Kompreneble, tiel LKK ne garantios plenumi ĉiujn postulojn.

Se ankoraŭ vi ne ricevis informojn pri la kongreso de Belo Horizonte, tuj petu de BEL la 2-an Cirkuleron.

## Vakaj departementoj kaj 3ª Sekretario

Bedaŭrinde, ekde aprilo vakis la Departemento pri Komunikado, ĉar la direktoro Francisco Mattos de Oliveira ne plu revenis al BEL-sidejo. Detiam BEL-Prezidanto mem respondecis pri la koncernaj taskoj. Pro tio, ke ĝis nun neniu sin pretigis por labori en la Departemento, la prezidanto deklaris ĝin vaka kaj neaktiva.

Kaj, ekde la komenco de majo, alia homo rezignis la taskon ĉe nia sidejo: S-ro Adirson Messias Lima, kiu respondecis pri la Departemento pri Administrado kaj ankaŭ estis elektita 3-a sekretario. Li donis al BEL-prezidanto leteron, rezignante la du taskojn.

Do, por plenumi la oficperiodon de la nuna estraro, BEL havas malpli du gravajn homojn ol antaŭe, kiuj multe laboris ĉe Ligo.

Al ambaŭ ni dankas kaj deziras plensukseson!

## BEL-estraro laboras en aliaj ĉambroj

Cele plibonigon de la financa situacio de BEL, la estraro luigis tri el ĝiaj ĉambroj. Ekde tiam, ĝi uzas la ĉambrojn n-rojn 301, 302, 303. La 6 ĉambroj, kiuj estas en la sama kontruaĵo – "Edifício Venâncio III"–, kompreneble ankoraŭ apartenas al BEL. Krome restas la pruntedonita ĉambro n-ro 306, kie estas la biblioteko "Carlos Domingues", sub la zorgo de Néia Lúcia Souza.

Ankaŭ apartenas al BEL la ĉambro n-ro 103, en la konstruaĵo "Edifício Jockey Club", deponejo de diversaj aĵoj gravaj por eventuala starigo de Esperanto-muzeo.

## Ŝanĝoj de telefonon-numeroj en BEL-sidejo

Bonvolu kontroli la nunajn telefon-numerojn:

226-1298 – Prezidanto, Sekretariejo,Kasejo, Libroservo;

226-9433 – Redakcio de Brazila Esperantisto;

226-4446 – Fakso.

## BEL-retpaĝaro

S-ro Paulo de Tarso Cardoso respondecas pri la nova hejmopaĝo de BEL. Pere de lia zorgado, ĉiuj informoj kaj aferoj rilate al BEL estas transsendita al S-ro Leonardo Lacerda Alves, el Itabira (Minas Gerais), kiu efektiviĝas la teknikaĵojn.

Ĉimomente, la hejmopaĝo komenciĝas funkcii, sed ankoraŭ ne tute plene; do, pro tio, oni petas de ĉiuj iomete pli da pacienco... Dankon!

*Opinio*

# IDEOJ POR LA BRAZILA ESPERANTO-MOVADO

Euclydes Geraldis de Carvalho
(Emerita instruisto kaj direktoro de lernejo)

Unua artikolo el unu serio de kvin - La ideoj entenataj en ĉi tiu artikolo kaj en la sekvantaj, ne celas kiun ajn personon, sed nur la bonon de la movado.

## La unuopuloj

Ĉio sin fundamentas sur la unuopulo. Se ĉi tiu agas bone, la rezultato estas bona. Se ĉi tiu agas malbone, la rezultato estas malbona.

La afero unuopuloj sin dividas en du partojn: unuopuloj apartenantaj al estraro de organizaĵoj, kaj unuopuloj ne apartenantaj.

La unuaj prenas sur sin kompromisojn. Do tiuj unuopuloj devas bone ilin plenumi. La neplenumo aŭ la duonplenumo de prenitaj kompromisoj estas malhelpo al la movado. Preferinde estas forlasi la postenon, ol ĝin misokupi. Eĉ leteroj meritantajn dankojn, okazas ne esti responditaj. Kiom da malhelpoj kaj seniluziiĝoj tio kaŭzas!

La duaj ne havas statutajn kompromisojn antaŭ kiu ajn persono aŭ grupo. Sed, eĉ tiel, ilia kunlaboro estas dezirinda.

Vere, ĉio por esti bone farita, devas esti farita kun amo; esperanto ne faras escepton. BE

**(La artikolo kontinuos en la venonta numero de BE)**

*Recenzo*

# Vojaĝo en Esperanto-lando

*Perfektiga kurso de Esperanto kaj gvidlibro pri la esperanta kulturo (Rotterdam - UEA - 2002)*

Paulo Nascentes

Karaj legontoj de tiu ĉi libro: Bonvolu enveturiliĝi, preni viajn sidlokojn kaj bonan vojaĝon! Profesoro Kolker kompetente gvidos nin, privilegiaj tutmondaj turistoj, tra la ŝoseo de la ĝisdatigo de niaj konoj ekde la ĉiutagaj esprimmanieroj ĝis la maksimuma ebleco: konatigi nin kun la historio, la kulturo, la kutimoj kaj la vidindaĵoj de Esperanto-lando. Kompreneble, la itinero de Kolker enhavas eĉ la belegan Verdan Parnason. Igi nin mondcivitanoj estas tio, kion oni volas. Evidentigas tiajn suprajn vortojn ne nur la altan nivelon de la aŭtoroj de la elektitaj tekstoj, nome Zamenhof, J. Leslie, C. Piron, J. Wells, E. Lapenna, K. Kalocsay, E. Privat, M. Bulton, V. Eroŝenko, W. Auld, H. Tonkin, inter aliaj, sed ankaŭ la diversajn sekciojn, kiujn enhavas la libro. Ĉiusekcie, troviĝas la komentario kaj demandaro pri la legaĵoj, la lingva praktiko, kaj la specifaj studoj pri la plivastigo de la vortprovizo (vortfiguroj, parolfiguroj, sonfiguroj) kaj multaj poeziaĵoj.




Karaj legantoj de ĉi tiu paĝo, vi perdu neniel ajn viajn sidlokojn, ĉar tia mirinda, agrabla kaj ĉefe kulture riĉega vojaĝo komencos tiam, kiam vi ekdecidos... Estu ankaŭ vi plene tutmondaj civitanoj! Vi tion meritas. BE



# ANONCTARIFO

Tabelo pri prezoj ( Brazila Esperantisto )
Onoj de paĝo ( anoncoj )

tutpaĝa (19x25cm)
4-a kovrilo / R$ 1.600,00 € 475,00
2-a, 3-a kovrilo / R$ 1.400,00 € 415,00
Internaj paĝoj / R$ 1.000,00 € 296,70

1/2 paĝa vertikala
(9.5x25cm)
R$ 550,00 € 163,00

1/2 paĝa horizontala
(19x12.5cm)
R$ 550,00 € 163,00

1/3 trionpaĝa
(6.3x25cm)
R$ 350,00 € 103,80

1/4 kvaronpaĝa
(9.5x12.5cm)
R$ 300,00 € 89,00

piedpaĝa
(19x5cm)
R$ 220,00 € 65,00

1/6 sesonpaĝa
(6.5x12.5cm)
R$ 180,00 € 53,00

1/12 dek-duonpaĝa
(6.3x6.3cm)
R$ 95,00 € 28,00

noto:
por nigra kaj blanka anonco, 60% el la anoncitaj prezoj

La tabelo publikigita en la 7-a paĝo de BEL-Jarlibro 2001/2002 ne plu validas.

# Brazila Kroniko



## AERĴ enpostenigis novan estraron

*AERĴ - Asocio Esperantista de Rio de Janeiro - komunikas la samideanaron, ke post la balotado en 29.03.03, estis elektita kaj tuj enpostenigita, la nova estraro. Jen la nomoj de la novaj direktoroj: Prezidanto: Alfredo Aragón; Vicprezidanto: Rogério de Freitas; 1-a Sekretario: Adriana Santos Rodrigues da Silva; 2-a Sekretario; Ademar Vieira Diniz; 1-a Kasisto: Rosa Maria Rodrigues Amatuzo; 2-a Kasisto: João Reis Marques. Ankaŭ oni elektis kaj enpostenigis la novan konsilantaron nome: Prezidanto: Givanildo Ramos Costa; Membroj: Aloísio Sartorato, Jair Sales, Sueli Santos kaj Rodrigues da Silva.*

*Laŭ Aloíso Sartorato*

10-REVA

## 10-a Renkontiĝo Esperanta de Valoj (Vale do Aço kaj Vale do Rio Doce)

*Esperantistoj de "Vale do Aço" kaj "Vale do Rio Doce" – regionoj de la ŝtato Minas Gerais - okazigis eventon nomita 10-a REVA (10-a Renkontiĝo Esperanta de Valoj) je la 27-a de aprilo, ekde la 8-a ĝis la 12-a horo ĉe la publika lernejo "Escola Estadual Geraldo Perlingeiro de Abreu, s/n - Bairro Floresta - Cel. Fabriciano/MG.*

*Laŭ informoj de Edvaldo Silva Machado*

## 1-a Esperanta renkontiĝo de la odontologio de Rio de Janeiro

*De la 12-a ĝis la 16-a de Julio 2003 okazos la 16-a Internacia Kongreso pri Odontologio de Rio de Janeiro. Estas atendotaj 40.000 kongresanoj, estante 20.000 studentoj kaj profesoroj pri odontologio kaj 20.000 partoprenantoj de la foiro de materialoj pri odontologio kaj profesiuloj ligataj al la odontologio.*




Esperanta stando dum la 15º CIORJ (portugallingva mallongigo de "Internacia Kongreso pri Odontologio de Rio de Janeiro"), okazinta en la jaro 2001.

*Kadre de tiu grandioza evento okazos la 1-a ERORJ (Esperanta Renkontiĝo de la Odontologio de Rio de Janeiro). Por pli bona rezulto de ĉi tiu renkontiĝo, la kunordigantoj – S-ino Aldenora Mendonça das Mercês kaj D-ro João Eduardo Teixeira – kalkulas je la apogo de ĉiuj brazilaj poresperantaj institucioj kaj de ĉiuj esperantistoj individue, ĉefe de Rio de Janeiro.*

Pliajn informojn ĉe AERĴ (Asocio Esperantista de Rio de Ĵaneiro): Rua Senador Dantas 117, sala 1341, Caixa Postal 840, Centro, Rio de Janeiro, RJ, 20001-970. Telefon-numero: (21) 240-6119. Ret-adreso: *aerjrj@hotmail.com* Paĝaro: *www.aerj.cjb.net*

*S-ino Aldenora Mendonça Mercês, unu el la kunordigintoj de la 1-a ERORJ.*

## Brile okazis la 15-a Esperanta renkontiĝo de la urbo San-Paŭlo je la 18-a de majo 2003



*Pli ol 80 homoj partoprenis la San-Paŭlan renkontiĝon. Ili venis el diversaj kvartaloj el San-Paŭlo kaj apudaj urboj. "Sociedade Cultural Língua Universal" (SCLU)* gastigis la renkontiĝantojn en sia bela kaj mirinda sidejo proksime al la Avenuo Paulista. La malfermo de la evento estis farita de Adonis Saliba (nuna EASP-prezidanto) kaj de Marcos Zlotovich, prezidanto de la brazila-sekcio de ILEI kaj de SCLU. Cecília Milani legis senteblan salutmesaĝon de Atilio Rojas kaj Joel Afonso legis salutan mesaĝon de UEA-prezidanto Renato Corsetti. La ĉeftemo de nia evento estis "EASP kaj ĝia estonta laboro".* Kadre de la evento prelegis Adonis Saliba, Marcos Zlotovich, José Dias Pinto, Osvaldo Pires de Holanda, Flávio Rebelo. Baza Kurso de Esperanto estis organizita kaj gvidita de Cecília Milani. La taga renkontiĝo fermiĝis per treege kompetentaj artaj eroj.

Menciindas originalaj muzikoj kaj interpretadoj de Sonia Sanchez (kun lanĉotaj KD), la senteblaj kantoj de Calixto, ĉefe omaĝe al la paro LEDON. La teatraĵoj prezentitaj estis preskaŭ profesinivelaj kaj kaptoatentaj. *La evento estis ja profesieca kaj spegulis la agoeblecojn, kiujn oni havas en la regiono.*

*Informoj eltiritaj el raporto de A. Saliba*

* SCLU - Kultura Societo "Lingvo Universala"

## "Esperanta Semajno" en Duque de Caxias

*En aprilo, la grupo "Esperanta Rondo Duque de Caxias"[1], fondita je la 15-a de majo 1994, okazigis eventon nomita "ESPERANTA SEMAJNO" kadre de alia evento nome "Spiritista Semajno", organizita de "Municipa Spiritisma Unio de Duque de Caxias". Ne estas la unua fojo ke la esperanto-grupo okazigis eventon tiun similan. Ĉijare la temo de la evento estis "Esperanto-Movado kaj Spiritisma Domo". En la okazo S-ano Robinson Mattos aranĝis ekzposicion de esperantaj libroj pri la Spiritisma Doktrino.*

*Informis Daniel Pereira Luz (Daniel Peliz)*

[1] "Duque de Caxias" estas urbo de la ŝtato Rio de Janeiro.



Parto de la aŭdantaro en la templo "Grande Oriente do Brasil".

## BEL-Prezidanto prelegas en framason-loĝio

*Je la mateno de la 6-a de Junio, akompanata de la Instruistino Maria das Dores Góes, 2-a Kasistino de BEL, la Prezidanto Lício de Almeida Castro prelegis en la Framasona Loĝio "Grande Oriente do Brasil" (Braziljo), pri la temo"Esperanto – La Internacia kaj Neŭtrala Lingvo". Ambaŭ aperas sur la centra parto de la foto.*

# "BRAZILA ESPERANTISTO" EN TELEVIDO

J.J. Lunazzi

Pritrakti la temon Santos Dumont per Brazila Esperantisto fakte permesas disvastigi la situacion de rilata internacia polemiko ekster la brazilaj landlimoj. Interese estas la afero ĝi ankaŭ permesi disvastigi Esperanton kaj nian karan revuon en Brazilo: tio okazis per oficiala televida kanalo videbla en pluraj urboj de la provinco San-Paŭlo.

La televida kabla kanalo "Assembléia Legislativa" (temas pri Leĝa Konsilantaro de la provinco, kanalo por la agado de deputitoj) faris programon pri la genia inventisto kaj intervjuis homojn kiujn parolis pri la aviadilo kaj lia faranto. Inter ili, Prof-o. Jozefo J. Lunazzi, kaj oni dediĉis kelkajn minutojn por mencii la disvastigadon de la temo tra la mondo per Esperanto, "lingvo parolata de du milionoj da homoj en la mondo". Lunazzi legis en Esperanto frazon de la artikolo "Alberto Santos Dumont" aperinta en marto de 2000, p.7 kaj poste tradukis ĝin al la portugala lingvo. Oni elsendis la programon plurfoje en decembro de la jaro 2.001. Ĝi estis fakte bone farita dudekminuta programo kiu inkluzivis filmon montrante la unuan flugon de aviadilo en la mondo (Parizo, 1906). La kialo de tiu televida programo povas esti intenco defendi kaj revigligi la memoron pri la unua aviadilo, ĉar oni scias ke en Usono la Kongreso pretigas grandan omaĝon por la jaro 1903 por festeni la centjariĝon de aviadilo laŭ supozita motora flugo de la fratoj Wright. En interreta loko *http://www.centennialofflight.gov/* eĉ se ili agnoskas esti la flugo de Santos Dumont la unua registrita, la respondo al specifa mesaĝo demandante pri la polemiko estas transdoni informon de la Smithsonian Institute: "La Wright flugis en 1903 per aparato kun motoro..." (sekvas detalojn de la motoro), sen mencii iun pruvon pri tiu aserto. Per *www.countdowntokittyhawk.com* oni rimarkas la monatojn, horojn kaj minutojn kiujn mankas por la usona evento. Samtempe en la ĉefurbo San-Paŭlo, oni konfirmas: la muzeo kiu dum dekoj da jaroj oni dediĉis al aviadilo kaj al Santos Dumont en la plej popola parko, Ibirapuera, restos for de la urbo por ĉiame. Ĝi estas fermita jam dum pli ol dekkvar jaroj, pro manko de apogo. Laŭdire, la privata firmao kiu helpis ripari la difektitan konstruaĵon postulis la forigadon de la muzeo de tiu loko.

En la interreta loko: *www.geocities.com/lunazzi_kaj_esperanto/SantosDumont.htm* oni povas aŭskulti prelegon de Prof-o. Lunazzi pri la temo, ofertita en la ĉambro "esperantointernacia" de la servo *www.paltalk.com*. Ĝi inkluzivas demandojn de la publiko dum ĝi okazis en oktobro 2.001. Per la sama paĝo oni povas ankaŭ legi la artikolojn aperintajn en BE pri la temo, kaj vidi la menciitan parton de la televida programo.

La intereso de Lunazzi pri Santos Dumont devenas de epoko kiam la Brazila Kongreso de Esperanto estos okazinta en julio de la jaro 2.000, en urbo Petrópolis-RJ, kie estas muzeo el antikva domo de Dumont. Lia Kultura Centro de Esperanto pensis fari bultenon en Esperanto pri la temo kaj, se tio ne efektiviĝis, pluraj artikoloj okazis. Pro la malkono kiu la brazila popolo kaj la mondo havas pri la temo, li studis ĝin eĉ se tio okazigis kelkajn problemojn en lia universitato, pro erara opinio de funkciulo rilate al aŭtoraj rajtoj. Oni eĉ malpermesis la publikan kanalon montri subskribon de Dumont en libro de biblioteko. Estas utila diri ke la verko de Santos Dumont estas publika pro brazilaj leĝoj, kiu oni devas legi detale por precizigi tion. Aliflanke, Lunazzi eĉ mendis la tradukadon de la libro de Dumont "O Que Eu Vi, O Que Nós Veremos"(*) al la hispana lingvo, jam preta sed bezonante sponsoron por aperi en papera versio. Lasta interreta indiko por kiu interesiĝas pli pri la afero: multlingva diskutlisto *http://groups.yahoo.com/group/santosdumont/* estas preta por akcepti kiun volas pritrakti la temon.

*(*) "Kion mi vidis, kion ni vidos".*

# PROJEKTO NESTO

Adonis Saliba

**Amerika Komisiono de Universala Esperanto-Asocio (UEA) lanĉis projekton en Angla, Hispana, Franca, Portugala kaj Esperanta lingvoj por ekspancii esperanton tra la tuta Ameriko.**

La baza celo de tiu projekto estas krei lokajn kaj regionajn nukleojn de Esperanto-movado en ĉiuj eblaj lokoj tra Amerika Kontinento. Ni uzas, kiel elektronika longdistanca lernado, la kurson de Esperanto, disvolvita de Carlos Pereira, kiu estas disponebla senpage en la jena retadreso: *http://www.cursodeesperanto.com.br*

La lernantoj, kiuj kandidatiĝas por lerni Esperanton per tiu metodo, povas enskribiĝi ĉe la hejmopaĝo *http://www.nesto.subito.cc* por ricevi virtualan instruiston. Ankaŭ la instruistoj povas enskribiĝi tie. La *amerika oficejo* de UEA (ĉe Braziljo, Brazilo) centrigos ĉiujn petojn kaj paros la registritajn lernantojn al volontulaj virtualaj instruistoj (ĉio senpaga). La instruistoj loĝas en la urbo/regiono de siaj lernantoj. Kroma aktiveco de la instruisto estas sociaLiĝi kun siaj lernantoj, por informi pri la esperanto-movado laŭ la principaro de "*Manifesto de Prago*" kiu prezentas, en moderna stilo, la celojn de esperantismo tra la nuna mondo.

Do, ni volas entrepreni movadon kiu ebligas la kreskadon de esperantantistaro en ĉiuj komunumoj de Ameriko. Aliflanke, la reta interagado inter esperantistoj kreskis multon lasttempe. Sekve, tio faciligas porti ĝuste el la reto multajn niajn estontajn esperantistojn. Tio estas tre utila ekspansia politiko, ĉar la retularo estas konata populacio de junuloj kun granda inteligenteca potencialo.

Projekto NESTO simbole volas kreskigi siajn "virtualajn" idojn kaj porti ilin al esperantista etoso en sia loĝloko. Tiel oni helpas la formiĝojn de kluboj kaj asocioj de esperantistoj, daŭrigante la esperantistan movadon en la plej diversaj regionoj de nia kontinento. Ni celas ke la sukceso de tiu projekto en Ameriko transiru al la tuta mondo.

Enskribiĝu tuj por esti instruisto aŭ lernanto de Esperanto, akorde al la filozofio de projekto NESTO. Tiel, vi kontribuas por ke ni havu pli justan lingvan mondon.

Uzu tiun retligilon por anoci tiun projekton: *http://www.esperanto.org.br/mov/ameriko/nesto-eo.htm*

Post enskribiĝo, Amerika Oficejo de UEA baldaŭ kontaktos vin.

Pli detalaj informoj pri Esperanto: *http://www.esperanto.net*

# Esperantistoj aŭdigas sian voĉon ĉe la 3-a Monda Socia Forumo en Porto Alegre[1]

César Dorneles Soares

### Por pli bona mondo

"Vidu, Esperanto!", "Esperanto?!". Tiaj ekkrioj aŭdebliĝis foje-foje okaze de la diversaj momentoj en kiuj la esperantistoj ne nur el Porto Alegre sed el aliaj lokoj realigis sian diskonigadon pri Esperanto okaze de la 3a Monda Socia Forumo - la plej granda kaj grava evento de la monda civila socio -, okazinta inter 24-28/1/2003* en la gaŭĉa ĉefurbo. Sube ni prezentas kelkajn informojn pri tia agado:

**Atelieroj** - Sub la aŭspicioj de UEA-Universala Esperanto-Asocio kaj GEA-Gaŭĉa Esperanto -Asocio estis aranĝitaj tri atelieroj rilataj al Esperanto: 'Esperanto: uma alternativa democrática à hegemonia lingüística'[2] kunordiganto: César Dorneles Soares - Porto Alegre/RS; prelegantoj: Jimes V. Milanez - Campinas/SP, José A. Pacheco, Marcelo Stoduto kaj Miguel Boeira Vianna - Porto Alegre/RS; "Esperanto - the neutral international language"[3] (Paulo Izaías Ereno – Canoas/RS) kaj 'Por el derecho a la comunicación: justicia en la dimensión lingüística'[4] (José Antonio Vergara - Ĉilio).



Foto: Jozelo Pacheco

**Esperanto en marŝadoj** - Du marŝadoj - la inaŭgura kaj tiu por la Paco (kelkdekmil-homaj) fariĝis tute unika sperto pri klarigado pri E-o al konsiderinda nombro da homoj surstrataj pro la atentokaptaj skrib-rubandoj kaj diskonigado de buntaj fald-folioj.




**Esperanto en la Forumeto** - E-ateliero en la Forumeto (por infanoj, en ŝtata lernejo), organizita de Maria da Glória Teixeira Gayer, Maria Elizabeth Gomes Diehl kaj Nilce Maria Rodrigues, prezentis i.a. skeĉon, dancadon de folklora muziko (parte en E-o) kaj kantado de E-versioj - ĉilasta pere de aro da geknaboj el Dois Irmãos[5].

**Diskonigado pere de la amaskomunikiloj** - Kiel en la pasintaj eldonoj de la Forumo, oni sukcesis veki la atenton de la amaskomunikiloj ne nur naciaj sed ankaŭ internaciaj pri la celoj de Esperanto. Aparte mencinda estas la intervjuo pertelefone donita de César Dorneles Soares al 'Rádio Rio de Janeiro', kadre de E-programero prezentita de Givanildo Ramos Costa.

Fine, la laboro ĉijare fariĝis pli ampleksa sed kompreneble restas multe por fari. Nepre necesas ekzemple la partopreno de pliaj esperantistoj sufiĉe kapablaj intelekte por trafe atentigi pri E-o al la publiko pere de intervenoj en la diversaj atelieroj okazantaj dum la Forumo kies temoj havas interrilatojn kun Esperanto. Ni ne forgesu, ke en tia evento partoprenas miloj kaj miloj da influ-havaj homoj divers-naciaj, kio fariĝas gravega oportuno por stimuli la pripensadon pri la valoro de Esperanto.

*[1]Urbo de la brazila provinco "Rio Grande do Sul". [2]En Esperanto: "Esperanto: demokrata opcio kontraŭ la lingva hegemoni. [3]La neŭtrala internacia lingvo. [4]Je la rajto al la interkomunikado: justico je lingva dimensio. [5]Dois Imãos (Du Fratoj) - Municipo de Rio Grande do Sul*

**En la 3a MSF partoprenis 100.000 homoj el 156 landoj, preskaŭ 6.000 NRO-j, ĉirkaŭ 4.000 ĵurnalistoj.*



## KORESPOND-DEZIRAS

**Navin Lal Shrestha**, GPO Box 11753 , Kathmandu, Nepalo, Azio. Ret-adreso: *skribu_navin@yahoo.com*. Mi estas nepala esperantisto. Mi volas amikumi kaj esperantumi. Mi volas legi de tempo al tempo. Bonvolu skribi al mi ankaŭ poŝte. Bonvolu sendi foton kaj gazetojn poŝte se eble. Miaj hobioj estas instruado, bildkartoj, komputilo, legado, vojaĝado, bildoj, moner-koletado. ktp.

**Bull Xulidis**, prilingva instruisto (adreso: klafthmonos 3, GR-546 34 –Thessaloniki, Greece/Grekio), deziras korespondi kun viroj aŭ virinoj cele amikiĝi kaj interŝanĝi uzitajn poŝtmarkojn.






MONDA PANORAMO

## PASKA MESAĜO DE PAPO JOHANO PAULO LA 2-A

Ĉiujare, en la paska tago, la Papo dissendas plurlingve bondeziran mesaĝon. En la 2-a de aprilo, en la Placo de Sanka Petro, Johano Paŭlo la 2-a, eltenis tiun tradicion dissendante en 62 lingvoj la atendatan mesaĝon.

Tiel la Papo faris sian bondeziron en Esperanto:

FELIĈAN PASKON EN KRISTO RESUREKTINTA!

ESPERANTISTOJ EN PLACO SANKTA PETRO

En placo, meze de la pilgrimuloj, ĉeestis grupo de esperantistoj por omaĝi al la Papo kaj por danki lin pro la esperantlingva bondeziro.

La esperantistoj surhavis panelojn kiuj konsistigis la vorton "Esperanto".

Plurfoje la televidaj elsendoj de la tuta mondo montris tiun grandan skribon.

*Fonto: http://www.ikue.org/pasko2003/pasko05.htm*

*Tio ŝajnas eĉ humuraĵo!*

## Lula kaj la poliglota turisto



*Oni diras en Brasília[1] ke turisto haltis antaŭ la "Palácio da Alvorada" (Palaco de la Tagiĝo)[2]. Li vidis Lula-n[3] kaj José Dirceu-n[4]. Nesciante al kiu li alparolis, li demandis la Prezidenton:*

*— Do You speak English?[5]*

*Komprenante nenion, Lula sin eltenis silenta. La turisto ne sin ĝenis kaj alilingve demandis:*

*— Parlez vous français?[6]*

*Lula restis silenta. La eksterlandano insistis:*

*— Usted habla español?[7]*

*Nenia reago. Li persistis pli unu fojo:*

*— Lei parle italiano?[8]*

*Sen respondo, la turisto startigis sian aŭtomobilon kaj foriris.*

*José Dirceu alproksimiĝis al Lula kaj sugestis:*

*— Prezidento, vi bezonas lerni iun fremdan lingvon.*

*— Por kio? Tiu ulo parolas ses aŭ sep lingvojn kaj ne sukcesas komunikiĝi..."*

**(La ĵurnalistino *Dad Squarisi* publikigis la supran noton en sia kolumno ĉe la taggazeto *"Correio Braziliense"* (Braziljo, BRAZILO) de la 21-an de majo 2003)**

*[1]Brasília: ĉefurbo de Brazilo; [2]Palácio da Alvorada: Oficiala loĝejo de la Prezidento; [3]Lula: populara nomo de Luiz Inácio Lula da Silva, la Prezidento de Brazilo; [4]José Dirceu: Ŝtata Ministro; [5]Ĉu vi parolas angle?; [6]Ĉu vi parolas france?; [7]Ĉu vi parolas hispane? [8]Ĉu vi parolas itale?*

**Teksto de** Gacy Simas **Desegnoj de** Simas* **Traduko de** Carlos Maria




*Oni serĉas komiksistojn por projekto rilatanta humuron kaj komiksojn (bildstriojn) en Esperanto. Se vi estas interesata, bonvolu skribi al la jena retadreso: hodos@free.fr*

**Simas: Plastika artisto, instruisto pri plastikaj artoj kaj ilustristo e-mail: simas1.7@linkexpress.com.br*



# 38-a Brazila Kongreso de Esperanto

Temo:

## Esperanto kaj Civitaneco

23-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso

Aŭspicio:
BRAZILA ESPERANTO-LIGO

20-24 de Julio 2003 - Belo Horizonte-MG

Loko: Centro de Turismo, Convenções e Lazer SESC-Venda Nova

Organizo:
SOCIETO ESPERANTISTA DE MINAS GERAIS






INFORMOJ:
**SOCIETO ESPERANTISTA DE MINAS GERAIS (SEM)**
Rua Guajajaras 410 - sala 810 - Centro - Belo Horizonte - MG CEP: 30180-100
**TEL.: (31) 3212-5533**
**RETADRESO: sembh@yahoo.com.br**





2003

88-a

UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Göteborg

# Brazilanoj invadu Svedion en 2003

**Gotenburgo, Svedio, 26 julio - 2 aŭgusto 2003**



*Post la 38-a Brazila Kongreso de Esperanto, Belo Horizonte, MG 20/24 julio 2003*